# Konstru-Forumo 8

**Junio 2007**

Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO

## Enkonduke al la 8-a numero

Enkonduke al la 8-a numero mi povus ripeti la vortojn el la prologo al la 7-a numero. Denove okazis grava prokrasto. Mi bedaŭras kaj petas vian pardonon. Kaŭzis ĝin troa laborŝarĝo kaj ĝenerala laciĝo. Mi transprenis estradon de la „Societo por Internacia Lingvo Esperanto“ en Brno kaj krome mi gvidas ĉeĥan esperantologian kaj literaturan grupon, ene de ĝi sekcion por teorio kaj praktiko de la lingvo kaj sekcion terminologian. Mi esperas, ke fine de 2007 mi el iu funkcio eksiĝos kaj povos liveri pli da tempo por nia faka forumo. Samtempe mi petas vin, ke vi mastrumu pri via libera tempo tiel, ke ankaŭ vi povu en nia kolektivo aktive partopreni. La faklingve nepreta Esperanto tion bezonas.

## Jarkolekto de TAKE 2007

Mi esperas, ke ĉiu el vi jam finis aŭ estas finanta vian literaturan kontribuon kaj ke la redaktoro Bronislav Ĉupin en trankvilo gvidos evoluon de la jarkolekto al sukcesa fino.

Mia tasko estis verki artikolon titolitan „Konsidero kaj elekto de konstru-sistemo“. La temon mi komencis prilabori, sed nun mi vidas, ke ĝi estas por mia nuna situacio tro temporaba, amplekso kaj interna implikeco kreskas kaj ne permesas, ke mi ĝin baldaŭ finu. Per tiu ĉi vojo mi informas la redaktoron, ke mi elektis pli facilan kaj ne tiel ampleksan temon: „Arkitekturo de Jan Kaplický“. Kaplický estas ĉeĥo en 1968 elmigrinta en Brition, la atelieron li havas en Londono kaj monde li konatiĝis pere de modernaj formoj. Li laboris ankaŭ por la usona instituto NASA. Nun li unuafoje provas prezentiĝi hejme, por Prago li proponis edificon de Nacia Biblioteko, kiu nian publikon ŝokis pro nekutima formo kaj elvokis abruptan polemikon. Mi esperas, ke tiu ĉi ŝanĝo estos de B. Ĉupin akceptita (en negativa kazo min afable informu baldaŭ).

## Kontaktoj

S-ron **André Grossmann** mi informas, ke post konsiderinde longa tempo UEA (2007-04-30) konfirmis transpagon de mia TAKE-kotizo por la jaroj 2007-2009, kredite por „etak-i“.

**Rémy Bouchet** (2007-03-02) informis min, ke li kontaktis B. Ĉupin koncerne kontribuon por la Jarkolekto, li esprimis komplezon kontroli tajpaĵon de la libro „Pri la varmo“ far M. Tůma, lian originalan eldonaĵon li posedas. Samtempe li sciigas nepartoprenon en la EE-Kongreso en Maribor.

**Bronislav Ĉupin** havas novan retadreson: <...>. Mi ricevis de li konfirmon de mia temo por la Jarkolekto de TAKE 2007, sed inter miaj dokumentoj mi ne trovas, ĉu li reagis pri la temoj diskutataj laŭ la Ko-Fo 7. Mi petas vin pri informo tiudirekte.

**Pierre Grollemund** (2007-03-15) konatigis min kun sia amiko Ntawu Hubert el Rutshuru apud Goma (Zairio) kaj kun de li konstruata familia domo pere de fotoj. Tuj poste, la 18-an de marto li informis min, ke li ne partoprenos la kongreson en Maribor, ĉar li kun sia filo Jean-Pierre flugos al Ĉilio, viziti la filinon Sandra tie edziniĝintan. Pri terminologiaj aferoj en la rilato al tegmentoj li plu interesiĝas. WE: Mi ankaŭ interesiĝas pri tiu konstru-segmento, mi promesas kunlabori kun vi post mia liberiĝo disde alisferaj taskoj.

**Halaszjo Jozefo** (2007-02-07 kaj 2007-03-10) korespondis kun mi en la afero de „Terminaro pri betono“ kaj ties adapto por la bezonoj de betonfakuloj en la ŝtatoj „V4“: Hungario, Pollando, Slovakio, Ĉeĥio. Li multe klopodas, ke estu akceptita ĝuste tiu nia terminaro kaj ke Esperanto restu en la oficiala eldono de inĝenieraj ĉambroj de la kvar landoj. Lastfoje li pri tio traktis en Bratislavo, kie la betonfakuloj kunsidis. La solvo estas plu necerta, oni povas antaŭvidi inklinon al la versio bazita sur EUROCODE. Leteron de la hungara Inĝeniera Ĉambro kun demando pri aŭtora rajto kaj pri eventuala mia traduko al la ĉeĥa lingvo mi ne ricevis.

**Horváth Sándor** (2007-02-06) informis pri sia aliĝo al la kongreso en Maribor kaj pri sia nova retadreso: <...>. WE komunikas: La afero de la libro „Pri la varmo“ verkita de Miroslav Tůma estas solvita, vi skribis (2007-05-09), ke ĝi baldaŭ estos metita al interreto kadre de la biblioteko STEB de HEA en Budapeŝto. La kopirajto estas prizorgita, la filino de la aŭtoro loĝas en Brno, antaŭ kelkaj tagoj mi kun ŝi interkonsentis transdonon de la libro, kiun ŝi ne posedas. Samtempe mi informos ŝin, ke ĉe mi estas ankoraŭ du aliaj manuskriptoj kompilitaj de ŝia patro, nome eseo titolita Energetikaj prikonsideroj kaj Terminaro de vapor-turbinoj. Mi memorigas al vi, ke li estis elstara konstrukciisto de turbinoj en la fabriko „První brněnská“ en Brno. La libron „Pri la varmo“ li verkis por Scienca-teknika sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio,

sed ni tiam ne havis monon por kompostigi ĝin, nek por pagi tajpistinon, komputiloj tiam ĉe ni ne ekzistis. Li do ofereme skribis sian verkon propramane, klopodante pri bona legeblo.

**Fabien van Mook** respondis miajn du demandojn (2007-02-26), nome pri F. Faulhaber kaj pri korporaciaj subvencioj (subsidie, beurs), mi dankas al li. Sed mi ne registris, ĉu li respondis la faklingvajn aferojn el la 7-a n-ro de Konstru-Forumo. Eble ĉe mi io perdiĝis. Fabien, bonvolu min informi, anticipan dankon. Estas necese fermi la longe traktatajn temojn.

**Djordje Obradović** (2007-02-22) min detale informis pri lia starpunkto koncerne la lingvoaferojn el la 7-a Ko-Fo, koran dankon! Plu li agitis por la EE-Kongreso en Maribor per la alskribo el 2007-03-14, informante pri terminologiaj sesioj trifoje po 1,5 horoj. Poste li informis la rondon de kunlaborantoj pri sia slovenlingva artikolo *Rekonstrukcija osnovne šole Ivan Cankar v Ljutomeru*, kiun publikigis la slovena konstrufaka gazeto *Gradbeni vestnik* en la maja n-ro 2007. En la artikolo estas menciita la temo de lia artikolo en la Jarkolekto de TAKE 2006 kaj la nomo de TAKE.

**Zlatko Hinšt**. Pri nia faklingva aktivado mi informis la membron de TAKE Zlatko Hinšt el Kroatio. Li respondis (2007-03-22), ke li kontribuadis por „La Domo“ (TAKE) kaj „La Merkato“ (IKEF), sed laŭprofesie li estas ekonomikisto kaj sociologo kun la grado de doktoro pri sociaj sciencoj. Li estras mezperiodan planon kaj investojn ĉe Kroataj Fervojoj. Li jam kontribuis temon por Jarkolekto de TAKE 2007. La mesaĝon li finis: *Mi esperas, ke sukcese (en estonteco) mi kontribuos en terminologiaj diskutoj laŭ miaj eblecoj, interesoj kaj okazaj cirkonstancoj. En „klasika“ kampo de via fako kaj agado tio ne rilatos ekzemple al terminologio pri betono (mi vidis viajn retpaĝojn), sed al interesaj temoj.* WE: Sinceran dankon! Nia temaro estas tre vasta, mi kredas, ke estonte estos por ni utila ankaŭ via profesieco kaj spertoj. Ni tenu la reciprokan kontakton. Retadreso de d-ro Z. Hinšt: <...>.

## La 7-a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio

Ĝi okazos ekde la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 2007 en Maribor, Slovenio. Informojn serĉu ĉe: www.esperanto-maribor.si. Ĉeftemo de la kongreso estas „akvo“. Por nia temo, laŭ D. Obradović, oni povas elekti aŭ ion ligita al la ĉeftemo (akvoduktoj, hidrotekniko, akvovoja transporto) aŭ ion alian aktualan (terminaraj vortaroj k.s.). Viajn sugestojn por la programo sendu al nia kunlaboranto D. Obradović: <...>.

Mia privata informo (WE): Pasintjare aŭtune mi okupiĝis pri la ideo partopreni la kongreson, sed mankis al mi organizajn informojn pri ĝi, la Ĉeĥa E-Asocio en sia organo Starto kaj en siaj „Retkomunikoj“ pri la kongreso tute ne informis. Mi tion kritikis ĉe la koncernaj funkciuloj. Sekve nur en januaro 2007 venis la unua informo kaj mi trovis, ke mi devus pagi jam altigitan kotizon, kio ĝenus min, pensiulon, ĉar lastatempe mi multe elspezis por diversaĵoj (familia kampara somerdomo, riparoj de aŭtomobilo k.a.). Mi ne aliĝis, kvankam mi emas sukcesigi la aranĝon, kiun aktive helpas efektivigi nia kunlaboranto D. Obradović. Mi petas lin, ke li informu nin pri la rezulto, en la venonta „Ko-Fo 9“ mi publikigos lian pritakson.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 6 – kelkaj nocioj el statiko**. Resume mi konstatas, ke ni jam interkonsentis pri jenaj terminoj (laŭ Ko-Fo 6): **flekso, fleksa momanto, forto, fortefiko, kniko, kondiĉoj de ekvilibro, kversekco kaj kverprofilo, normala forto, premo, simpla balko, ŝarĝo, tiro, tondo, tordo, translacia forto**. Poste estis interkonsentitaj: **premdifekto, punktoŝarĝo**. Ĉar en la lasta mesaĝo de D. Obradović aperis la nomindiko tensio, miaopinie ni povas konsideri ankaŭ la terminon **tensio** akceptita por la nocio „streĉiteco“.

Nedecidita restas la difino de la nocio **„streĉo“** – miaopinie banala afero. En Ko-Fo 7 mi eksplikis ĝin en longa alineo meze de la 3-a paĝo: Streĉo, streĉado estas ekstera kaŭzo de interna, enkorpa streĉiteco. Streĉo estas aktiva, efikas al rekta objekto, dum streĉiteco (tensio) estas suferanto de la efiko, ĝi esprimas pasivan staton. Streĉon kaŭzas ŝarĝo, sed intermiksi ilin aŭ konsideri ilin sinonimoj ne estas eble. Same la nocion streĉo ne eblas intermiksi kun streĉiteco, ĉar streĉiteco estas laŭ nia interkonsento tensio(j) interne de streĉata korpo. Tiun ĉi eksplikon akceptis R. Bouchet. D. Obradović skribis miskomprenige (en la fino de la jena citaĵo): *„En la elasta korpo ŝarĝo efikas streĉojn. Laŭ mi streĉoj povus esti eksteraj… kaj tensio povus signifi la staton interne de la korpo, kiun ni konkrete esprimas per streĉoj.“* WE: Ni devas interkonsenti pri neambiguaj difinoj: Ŝarĝo (t.e. fortoj) efikas direkte al elasta korpo per streĉado (tira, prema, fleksa, tonda, torda, knika) kaj kaŭzas tensiojn (elvokitajn streĉorezistojn: tiran, preman, fleksan, tondan, tordan, knikan). Mi petas rekonsideri la streĉon flanke de Fabien van Mook, kiu konsideris ĝin ekvivalento kun ŝarĝo, kaj ankaŭ flanke de D. Obradović.

**Subtena reakcio** kaj **subtenilo** estas nocioj kaj terminoj por D. Obradović, laŭ lia sciigo, „klaraj“. Se neniu esprimos sin kontraŭ, mi konsideros ilin interkonsentitaj.

Ankoraŭ pri **„ŝarĝo“**. La kolego Obradović reagis al mia elnombro de ŝarĝo-specoj en Ko-Fo 7, paĝoj 2 kaj 3, per rimarko: *En la elnombro de ŝarĝoj mankas la propra ŝarĝo de la konstrukto.* Mi respondas, ke la elnombro ne estis kompleta, mi finis ĝin per vortoj „kaj aliaj“. Sed vian rimarkigon mi devas komenti, ĉar la

esprimon „propra ŝarĝo“ mi ne rekomendas, ne temas ja pri elekstera efiko, temas pri „propra **pezo**“ (aŭ maso?), kiu funkcias kiel forto kaj envenas statikan kalkulon same kiel ŝarĝoj.

**La temo 7 – efektivo**. R. Bouchet ne komentis ĝin, supozeble li akceptas la proponon de Fabien van Mook. D. Obradović skribis: *„Efektivo estas por mi pli akceptebla ol performanco.“* Supozeble B. Ĉupin plu preferas performanco (?). Mi jam pasintfoje esprimis min por efektivo, ĉar la nomo performanco estas aplikata en pluraj fakoj: lingvistiko, interaktiva arto, nun mi trovis ĝin en la gazeto NEOTERM kun la difino: *manifestation de la compétence des sujets parlants dans leurs multiples actes de parole.*

**La temo 8 – tretejo kaj subtretejo.** D. Obradović: *„Tretejo estas bona termino. En mia lingvo oni diras alto kaj larĝo de tretejo. Ĉu ni eble diru faco aŭ frunto de tretejo por subtretejo? Ekzistas ankaŭ la tria flanko de la tretejo: suba, dekliva. Ĉu duobla ŝtuparo estu dubraka aŭ du-ala?“* Respondo de WE: Tretejo ne havas alton, sed longon kaj larĝon. Frunto de ŝtupo ne estas alvida vertikala flanko, sed faco vidata el la flako de „lumspaco“ (la dua fronto estas ĉe la muro, resp. enfiksita en ĝi, iam ankaŭ libera). Krome, tretejo estas supra surfaco de ŝtupo, ne la ŝtupo mem. Tretejo do ne havas trian flankon, suban, tiu estas suba surfaco (subfaco) de ŝtupara brako. Ŝtuparoj estas ankaŭ dubrakaj (ne dualaj). Dum la tretejo estas klara, la subtretejon ni ankoraŭ foje pripensu.

**La temo 9 – lumspaco**. Se ne venos pli trafa propono por ŝtupara *jour*, *Treppenauge*, *zerkalo*, *zrcadlo*, …, ni probable restos ĉe „lumspaco“. Se iu havas alian proponon, bonvolu sciigi ĝin al mi.

**La temo 10 – streni aŭ deformi**. Sole D. Obradović reagis: *„Spite al longaj klarigoj mi ne tute komprenas la signifon de streno. Mi ne sentas tiun terminon ege mankanta. Ĉu streni povus signifi rompiĝon sub efiko de la troa ŝarĝo?“* WE: La termino estas (eble por iu) iom mankanta, ĉar ĝi ekzistas en kelkaj naciaj lingvoj kiel specifa radikvorto aŭ stamvorto, sed ofte nomata simple kiel deformo. Mi revenos al la nocio fine de tiu ĉi teksto en mallonga pritrakto de volumenaj ŝanĝoj de betono. Nun mi notas nur la verban formon en kelkaj lingvoj: en: strain; fr: déformer; de: verformen; ru: деформировать; cs: přetvořit; pl: odkształcać; deformować. En la suba teksto mi evitis «stren» kaj uzis la vorton «deformiĝo».

**La temo 11 – kvoto, kvoti resp. laŭ mi koteo, kotei**. Mi promesis sendi al vi detalan pritrakton de la temo, sed mi prokrastas la aĉeton de skenilo kaj sen bildoj (figuroj) mi ne volas la verketon ekspedi. Pasintfoje R. Bouchet atentigis nin, ke kvoto kaj kvoti estas en la „Enciklopedia Vortareto Esperanta“ far Ch. Verax, eld. Hachette en 1910. Mi prizorgis por mi la vortaron kaj citas el ĝi: „**Kvoto** (Des.) *cote*, nombro skribita sur karto aŭ desegnaĵo por indiki la altecon de punkto aŭ la dimension de la desegnita objekto. **Kvoti**, *coter*, skribi kvoton“. Des. = desegnoarto. Mian verketon pro via juĝo mi iel sendos ĉi-somere.

**La temo 12 – edifico**. R. Bouchet: *„Pri edifico mi plene konsentas, konstruaĵo ĝuste povas esti io ajn konstruita.“* D. Obradović: *„La vorto edifico estas konvena por konstruaĵoj-domoj por la publika uzo. Mi atendas opinion de la ceteraj.“* WE: Mi uzas la vorton jam longtempe.

**La temo 13 – fenomenoj ĉe streĉado de ŝtala trabo** (temo lanĉita de R. Bouchet). La problemaron (a) ĝis (d) prijuĝis sole D. Obradović: Li subtenas knikon (a) kaj laciĝon (d), pri la ceteraj du li ne havas klaran starpunkton. Pri kniko ni jam decidis pli frue (ĝi ja estas ankaŭ en NPIV). Koncerne laciĝon D. Obradović skribis: *„La laciĝon ni pridiskutis kaj difinis jam en la Terminaro pri betono. Kial ni denove diskutas pri la fatigo?“* WE: Ĉar inter ni estas kelkaj novaj membroj, kies opinion konvenas scii. Mi ne volas al ili trudi „laciĝon“ akceptitan antaŭ jaroj de: Brandenburg, Ĉupin, van Mook, Obradović, Trojan, Werner. La ceteraj (la kolegoj Halaszjo kaj Horváth) havas ŝancon la aferon pritaksi nun. Iom komplika estas la nocioj (b) kaj (c), tamen provu esprimi vin. S-ro Bouchet bonvolu komenti mian eksplikon kaj proponojn de mi faritajn en Ko-Fo 7.

## Volumenaj ŝanĝoj de simpla betono

### Ŝrumpo de betono

En aero hardiĝanta betono ŝrumpas en la daŭro de kelkaj jaroj. Proksimume duono de la totala ŝrumpo okazas jam en la unuaj 28 tagoj kaj post 3 monatoj estas ties pliparto realiĝinta. Ĉe nearmita betono ĉiu metro de la origina dimensio de longo kurtiĝas proksimume je 0,2 ĝis 0,3 mm. Se betono estas metita en humida medio, la ŝrumpo estas malpli granda.

Ĝenerale estas aserteble, ke ŝrumpado tendencas al pli granda valoro, se:

1. betonon konsistigas signifa alta dozo de cemento, efikon al ŝrumpado altigas fajne muelita cemento,
2. la akvocementa faktoro de betonmiksaĵo estas alta,
3. la kvoto de fajna sablo en ŝtonaro estas alta kaj la firmeco de sablaj grajnoj estas negranda,
4. betono enhavas fajnajn almiksaĵojn,
5. la kompaktigo de freŝa betono okazis prokrastite.

### Kurtatempa deformiĝo de betono kaj ĝia modulo de deformeblo

Se oni ŝarĝas betonan prismon per certa ŝarĝo tiel, ke rezultanto de la ŝarĝo efikas laŭ longakso de la prismo, en kverprofilo de la prismo ekaperas normala prem-tensio $\sigma_1$. Se oni poste mezure sekvas la relativan deformiĝon (kunpremiĝon), kiun la tensio elvokis, oni konstatas, ke certa kunpremiĝo sin montris tuj post realigo de ŝarĝo kaj se oni mezuras plu en mallongaj intervaloj, oni konstatas, ke la kunpremiĝo dum iu tempo kreskas (dum minutoj ĝis horoj) kaj fine ĝi stabiliĝas ĉe certa valoro $\varepsilon_1$. La **deformiĝon** tiel determinitan oni nomas **kurtatempa**.

Ĉe elastaj materialoj validas la Hooke-leĝo (ekz. ĉe ŝtalo ĝis la limo de elasteco): la proporcio $\sigma/\varepsilon$ estas konstanta, nomata ĝi estas modulo de elasteco, signata per la simbolo $E$, dimensio MPa. Ĉe betono estas situacio alia, ĉar post iu altigita ŝarĝo de kverprofilo oni trovas neegalaĵon:

$$E_1 = \sigma_1/\varepsilon_1 \;>\; E_2 = \sigma_2/\varepsilon_2$$

Betono do ne estas materialo elasta, sed elasta-plasteca kaj la proporcio

$$E_b = \sigma_b/\varepsilon_b$$

estas nomata modulo de deformeblo, kiu dum kreskanta ŝarĝo sinkas. Por praktika kalkulado oni povas premisi maksimuman kunpremiĝon de betono antaŭ ties premdifekto 2,5 ‰ kaj maksimuman plilongiĝon de betono antaŭ la apero de fendoj 0,1 ‰.

### Longatempa deformiĝo

Se la ŝarĝo efikanta ĉe la kurtatempa deformiĝado daŭras plu, kelkajn jarojn, poste helpe de mezurado oni povas konstati, spite la stabiliĝon de la long-dimensio post la unuaj horoj ekde enmeto de ŝarĝo, ke la deformiĝado ankoraŭ daŭras plu, kvankam tre malrapida. Vera stabiliĝo okazas post longa tempo, post jaroj. La fina laŭlonga deformiĝo povas esti proksimume duobla kompare kun la kurtatempa. Tiu ĉi malrapida kreskado de deformiĝo pro daŭra ŝarĝo estas nomata **finformiĝo de betono**.

ooooooo

## Postskribo al la 8-a numero

Pri faka apliko de Esperanto mi okupiĝas jam 41 jarojn, ekde UK en Budapeŝto en la jaro 1966, kaj dum tiu longa tempo la evoluo de faka aplikado ne montris sin esence fruktodona. Pliparto de fakuloj preferas praktiki Esperanton en nefakaj medioj, precipe ili ŝatas amikajn kontaktojn, vojaĝadon, kongresadon ks. Promesplena antaŭenŝovo de faka aplikado kaj terminologio okazis en la jaro 1982, kiam en la orientgermana Bad Saarow renkontiĝis 35 fakuloj kun celo konsiliĝi pri faklingva kaj terminologia organizo. (Raporton pri ĝi estas en mia publikaĵo „Terminologiaj konsideroj“, paĝoj 33-47.) Tiu efektive ekĝermis kaj post iu tempo trovis subtenon flanke de UEA kaj parte ankaŭ de la Akademio de Esperanto. Bedaŭrinde, en la viena UK (1992) estis fare de UEA ĉesigita la iom konfuza trimembra gvidado de Terminologia Esperanto-Centro de UEA (TEC; ĝis tiu tempo sen estranta ĉefo), la prezidantecon transprenis d-ro Werner Bormann kaj sen deklaro de nova programo kaj strategio gvidis la centron al likvido. Konkretaj reszultoj de ĝistiama laboro de TEC, krom deklarita labortmetodo, entute ĝusta, ne ekzistas.

Post 1992 la Terminologia Esperanto-Centro ekstagnis, postaj Jarlibroj de UEA deklaradis ĝin kiel nefunkciantan kaj fine ĝi malaperis sen spuro. Tamen en la jaro 1992 venis esperiga voĉo de la prezidanto de la Akademo de Eo, André Albault: *La komisiono pri „Aprobo de Fakaj Terminaroj“ starigita laŭ peto de fakuloj komencis kontroli diversajn verkojn. Sed ĝi montros pli da entuziasmo, kiam la Terminologia Centro de UEA povos komuniki al ĝi verkojn jam kontrolitajn el teknika vidpunkto. La Komisiono kompreneble aprobos el Akademia vidpunkto, t.e. el la vidpunkto de la ĝusteco Fundamenta kaj Oficiala*. Post tiu ĉi esperiga mesaĝo, iom post iom, silente, ĉio farita en la daŭro de dek jaroj vaniĝis. La nuna situacio en la Akademio estas neklara, mi juĝas ĝin embarasiga. Pri problemoj de fakaj lingvoj kaj terminologio ĝi ne zorgas kompetente, la agado de akademia grupo sub gvido de Marc Bavant, miascie kaj miasperte, estas por ni senutila. Ni ne atendu ies helpon, sed nepre persistu almenaŭ en nia modesta aktivado. La kolegon Obradović mi petas, ke li en la EE-Kongreso sekvu, ĉu iu profesie apartenas al konstru-fako aŭ arkitekturo, en pozitiva kazo li informu nin. Ni ĉiuj provadu akiri la persono(j)n por nia kunlabora rondo.

Krome mi instigas vin esti pli aktivaj, por nia ligilo Konstru-Forumo, de mi tajpata, kompilu viajn traktaĵojn pri problemoj, kiujn vin ĝenas, kiujn vi renkontis en via verkado, korespondado, tradukado. Ekzempe Bronislav Ĉupin prilaboris rusa-esperantan konstrufakan vortaron. Certe li trovis plurajn nociojn sen esperantaj ekvivalentoj. Ne estas konvene prisilenti mankojn. Mi povus meti antaŭ vin multajn, sed mi ne volas esti sola proponanto. Ankoraŭ el Ko-Fo 7 estas solvendaj du problemoj prezentitaj de s-ro Bouchet (la n-ro 13, b kaj c), provu formuli vian starpunkton, ankaŭ R. Bouchet pri mia provo ekspliki la deformajn fenomenojn, per viaj propraj vortoj, por ke ni ĉiuj klare konsciu esencon de *déversement* kaj *voilement*. Mi promesas aŭdiĝi komence de septembro 2007.

Brno 2007-06-12 Kore vin salutas *Jan Werner*